# A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1977/78 №9(53) Majo

## PRI SEJM-AGADO - AL KOMSOMOLA KONGRESO

Okaze de la XVIII-a Kongreso de Komsomolo la Komitato de SEJM preparis la raporton pri SEJM-agado inter la XVII-a kaj XVIII-a VLKSM-kongresoj (la agadjaroj 1974/75 - 77/78). Tiu ĉi raporto estas transdonita al Komitato de Junularaj Organizaĵoj de USSR (KMO).

Enkonduko de la raporto entenas bazajn informojn pri SEJM: fondiĝo, celoj, strukturo, gvidorganoj, interna informado.

La ĉefa parto estas dediĉita al la agado de SEJM kaj ties kluboj dum la raporta tempo. La plej ampleksa ĉapitro prilumas la agadon de SEJM pri ide-politika edukado de la E-junularo. Ĉi tie temas pri dediĉaj klubkunvenoj, preparo de materialoj pri USSR por eksterlando, disvastigo de nialandaj E-eldonoj, mitingoj en SEJToj, utiligo de la internacia korespondado, organizo de amikecvesperoj ktp. Sekva ĉapitro traktas sciencteknikan aktivadon en SEJM (kompilado de terminaroj, interlingvistikaj studoj, kunlaboro kun alilandaj E-sciencaj kolektivoj, partopreno en studentaj konferencoj, bibliografia laboro k.s.). Plue la raporto priskribas plialtigon de kultura nivelo de la junularo pere de temaj vesperoj, renkontiĝoj kun kulturagantoj, pridiskuto de E-literaturo, lingvistikaj prelegoj k.a. Estas menciita laboro pri preparo de tradukistoj. La ĉapitro pri organizo de libertempo de la junularo rakontas pri SEJToj kaj renkontiĝoj, ilia programo. En la raporto multas konkretaj faktoj kaj ciferoj, ilustrantaj diversajn aspektojn de SEJM-laboro.

En konkluda parto de la raporto la Komitato de SEJM proponas, ke CK de VLKSM okupiĝu pri kreo de oficiala E-junulara organizaĵo.

Aldone al la raporto estas prezentita referaĵo el plej gravaj materialoj, aperintaj en "Aktuale" kaj "Kurte". Kopio de la raporto kun la aldono estas transdonita al gvidantaro de SSOD.

## ŜANĜITA TEMPO DE OrSEJT-20

Vintre la SEJM-Komitato rekomendis al ni organizi la 20-an OrSEJT en aŭgusto. Tiam pro kelkaj konsideroj ni tamen preferis julion. Nun la cirkonstancoj draste ŝanĝiĝis kaj ni estas devigitaj (tamen konforme al la komitata rekomendo) reanonci la tempon de OrSEJT-20 de la 10-a ĝis la 25-a de aŭgusto. La kialoj de la ŝanĝo estas jenaj: 1) tri ĉefaj organizantoj (Jaskov, Jakovlev, Vdovin) veturos al la Universala Kongreso; 2) al la kvara (Gonĉarov) oni donas forpermeson nur aŭguste; 3) urbaj oficialaj instancoj promesis helpon, sed preferas aŭguston, kiam eblos lui pionirajn tendarojn. La limtempo por sendi la aliĝilojn kaj kotizojn estas prokrastata ĝis la 15-a de junio.

La Prepara Komitato petas pardonon pro la ŝanĝo kaj esperas, ke ĉiuj juliaj dezirantoj venos al ni ankaŭ aŭguste kaj aldone - la aŭgustaj feriontoj.

Prepara Komitato de OrSEJT-20.

LABORPLANO DE V.SAPOJNIKOV
(vicprezidanto de SEJM pri fakaj aferoj)
por la agadjaro 1977/78

Individua koordina laboro

| Nº | Laboroj | Tempo |
|---|---|---|
| 1. | Konstante instigi la fakestrojn al aktiveco per "Aktuale", "Kurte" kaj cirkuleraj leteroj | dum la jaro |
| 2. | Kompili planon de fakestraj artikoloj-raportoj por "Aktuale" | novembro |
| 3. | Kolekti laborplanojn de la fakoj por la agadjaro | oktobro |
| 4. | Prepari liston de unuavice multobligendaj E-libroj | marto |
| 5. | Kolekti raportojn de la fakestroj pri la plenumita laboro | junio |
| 6. | Ellabori Regularon pri fakoj kaj servoj de SEJM | aprilo |
| 7. | Okupiĝi pri redaktado de "Propaganda kolekto de SEJM" (4 numeroj dum la agadjaro) | |

Kunagado kaj helplaboro, aŭspicio

| Nº | Laboroj | Kunlaborantoj |
|---|---|---|
| 1. | Kolekti materialojn por la Festivalo en Kubo | Medinŝ, Kuprienko |
| 2. | Kompili liston de fareblaj soci-utilaj laboroj | Sibircev, Kuprienko |
| 3. | Plani artikolojn pri la propaganda laboro por "Aktuale" | Kuprienko |
| 4. | Provizi PP-grupojn per unueca programo | Novikova, Smetanina |
| 5. | Krei tutlandan reton de korespondkursoj; esplori eblecon pri eventuala centro de tiu reto en Moskvo | Smetanina, Aroloviĉ |
| 6. | Diskonigi temaron de havataj bendoj, kompili planon de surbendigoj | Gaidamaviĉius |
| 7. | Instigi SEJM-anaron kontribui al terminaraj laboroj en la terminologia centro de STF: a) publikigi liston de neprilaboritaj temoj (el la bildvortaro); b) publikigi liston de havataj mikrobendoj | Kogan |
| 8. | Okupiĝi pri listo de tradukindaĵoj el la rusa | Ebel |
| 9. | Intervjuadi E-veteranojn | Ĥarkovskij |
| 10. | Prepari SEJM-afiŝojn por multobligo | Medinŝ, Kuprienko |
| 11. | Kompili liston de migrantaj ekspozicioj | Kuprienko |

| | | |
|---|---|---|
| 12. | Kolekti ĉiujn artikolojn pri E-temoj kaj ĝeneraligi; anonci konkurson pri plej bonaj artikolo kaj prelego pri Esperanto | Kuprienko |
| 13. | Kolekti materialojn pri la 90-jara jubileo de Esperanto (por prelegoj kaj ekspozicioj) | Kuprienko |
| 14. | Prizorgi la rubrikon en "Sovetskaja Molodjoĵ" (instigi la klubojn kontribui per artikoloj, abonoj, reagoj) | Kuprienko |
| 15. | Esplori eblecojn regule prepari kaj rondirigi radiogazetojn (por komunloĝejoj, altlernejoj, lernejoj ktp.) | Kuprienko |
| 16. | Multobligi la unuan parton de E-katalogo | Cvetkova |
| 17. | Multobligi kolekton "Muzo - Oriento - Liro" | Bronŝtejn, Novikova, Jegorovas |
| 18. | Eldoni la SEJM-kantaron | Bronŝtejn |
| 19. | Reeldoni la lernolibron de Kolker | B.Kolker, Cibulevskij |

PENSOJ PRI FINANCA AGADO KAJ DISCIPLINO EN SEJM

Pro diversaj kaŭzoj en "A" ĝis nun ne aperadis prifinancaj artikoloj. Konsiderante tion, mi volus ĉi-sube iel karakterizi la laboron de SEJM-vicprezidantoj, kiuj respondecis pri financoj. Tiun postenon siatempe okupis E.Perevertajlo (Taŝkent), A.Vizgirdas (Klaipeda), N.Cvileneva (Ufa), A.Melnikov (Rostov-Don) kaj mi. Neniu el tiuj ĉi esperantistoj profesie okupiĝis pri financoj aŭ librotenado. Malgraŭ tio, la financa laboro en SEJM ne estis malbona: la Konferencoj taksis ĝin pozitive.

Tamen, kiel preskaŭ ĉiu laboro, ankaŭ tiu pri financoj havis laŭ mi siajn mankojn. Al ili unuavice apartenas longtempa foresto de financaj dokumentoj (estis nur unu-dupaĝaj financaj raportoj). Nur post la enposteniĝo de A.Melnikov oni komencis konservi la financajn dokumentojn, kaj en miajn manojn transiris jam ĉirkaŭ cento da ili.

Dua grava manko en la laboro - plena foresto de reviziado. Ni bone memoru la proverbon "Unu kapo - estas bone, sed du kapoj (aŭ eĉ pli) multe pli bonas". Se la vicprezidanto pri financoj ne estas profesiulo, do almenaŭ dum la reviziado oni atentigu lin pri eblaj eraroj dum la laboro. Ja dum proksimume trihora dumkonferenca pridiskuto de la financa agado oni ne povas taksi ĝin tute objektive. Kaj krome, kiu povus nomi organizaĵon, kie oni neregule aŭ tute ne reviziadas?

De mi volus fari jenajn proponojn:

1. Postuladi, ke vicprezidanto de SEJM pri financaj aferoj konservu la financajn dokumentojn (almenaŭ plej gravajn) kaj al la 1-a de septembro estu preta transdoni la materialojn al eventuala posteulo.

2. Dum la pridiskuto de la financa agado enkadre de la Konferenco nepre aŭskulti la rezultojn de la reviziado. Por tiu celo eĉ permesi pripagi el la SEJM-kaso la vojelspezojn de la revizia komisiono kaj la SEJM-kasisto (laŭ ilia interkonsento) por nepra unufoja reviziado dumjare.

Alia serioza temo por pridiskuto estas la financa disciplino. Okupante la postenon de vicprezidanto pri financoj dum du agadja-

roj, mi konatiĝis kun punktualeco kaj respondeco de SEJM-kluboj kaj aktivuloj, kiuj havis financan kontakton kun la SEJM-kaso. Ĉe unu flanko estas M.Bronŝtejn (Tiĥvin), modele, laŭ mia opinio, preparinta la financan raporton de SEJT-18; E-klubo de Petropavlovsk-Kamĉatskij, kiu ne nur ĝustatempe pagas la kotizon, sed ankaŭ prezentas klarigan financan raporteton; G.Ivaniŝĉenko (Lubny), kiu pruntepreninte esperantaĵojn en SEJT-butiko, ĝustatempe repagis la ŝuldon al la SEJM-kaso, k.a.

Ĉe la alia flanko estas, bedaŭrinde, sufiĉe spertaj esperantistoj, kiuj pro maldisciplineco trafas en tiun ĉi "nigran" liston. Al ili apartenas ekzemple L.Kovalenko (Omsk): preninte en la butiko de SEJT-18 esperantaĵojn por sufiĉe granda monsumo, ŝi repagis ĝin nur post kelkfoja averto kaj memorigo meze de printempo (preskaŭ jara prokrasto!). Ankaŭ ĉi-jare ŝi prenis diversajn esperantaĵojn kun promeso repagi ĝis la 1-a de novembro 1977, sed nur meze de aprilo la ŝuldo estis repagita (preskaŭ duonjara malfruiĝo!). (Krome evidentiĝis, ke Omska E-klubo mendis ĉe Krasnojarska E-klubo emblemojn por 300 rub., sed pripagis el tiu sumo nur 50 rub.! Ĉu ne sufiĉas?) Same neakurate repagas la ŝuldojn Krasnojarska E-klubo, T.Berĉis (Riga) k.a.

Apartan mencion meritas finance maldisciplinemaj fakestroj kaj SEJT-mastroj. Nome, eksestro de magnetofona fako S.Sadauskis longe prokrastis transdonon de la SEJM-aj magnetofono kaj bendoj al la nova fakestro S.Gaidamaviĉius, pro kio la lasta ne povis normale eklabori. (El "A" mi eksciis, ke la magnetofono tamen estas transdonita, sed dokumento pri tio mankas.) V.Baniulaitis (kolektanta fako laŭ raporto promesis post la tendaroj repagi al la SEJM-kaso la pruntepreniitan monon, sed ĝis nun estas nek la mono, nek almenaŭ nova raporto. Dum preskaŭ tri jaroj (!) repagas la ŝuldon al la SEJM-kaso B.Anoĥin (mastro de SEJT-17). Necesas diri pri V.V.Grigorenko kaj V.J.Noĉovkin (mastroj de OkSEJT-19): ĉiuj jam alkutimiĝis al akuzoj kontraŭ SEJM en leteroj el Poltava, sed ĝis nun la Komitato de SEJM havas nek financan raporton de la tendaro, nek la aliĝilojn, laŭ kiuj ni povus juĝi pri vera konsisto de la tendaranoj. Ankaŭ la mastroj de OrSEJT-19, ĝustatempe sendintaj la financan raporton, dume ne povas korekti kaj finlabori ĝin. La mastroj de la estontaj tendaroj ne sekvu malbonajn ekzemplojn.

Tiuj, kiuj opinias min "burokrato", devas bone kompreni, ke la financa agado estas verŝajne plej subtila laboro kaj postulas ĉiuspecan atenton. Do, kontaktante kun la SEJM-kaso, ne sendu la monon sen ajnaj klarigoj, kiel faris ekzemple Angarska E-klubo. Ĉu en aparta raporteto, ĉu dorsflanke de la poŝtmandato nepre menciu, por kiu periodo estas la kotizo, por kiom da personoj ktp.

Fine mi atentigas, ke por ĉi tiu agadjaro la kotizojn dume pagis nur 7 E-kluboj (Petropavlovsk-Kamĉatskij, Lvov, Permj, Viljanĉi, Novosibirsk, Ĉeljabinsk, Moskvo). Kion do planas la aliaj? Kiam pagos la kotizojn la SEJM-kluboj de Kaunas, Liepaja, Sterlitamak, Magnitogorsk, Tula, kiuj ŝuldas ne nur por la nuna agadjaro, sed ankaŭ por pli fruaj?..

D.Cibulevskij, vicprezidanto de SEJM pri financaj aferoj.

## PRI ESPERANTO-AGADO EN DONECK

La E-movado en Doneck havas nun sian jubileon: antaŭ kvindek jaroj en la urbo aperis unuaj E-rondetoj. De tiam la agado de donecka esperantistoj kelkfoje travivis siajn leviĝojn kaj malsukcesojn. La nuna etapo komenciĝis en 1969, kiam estis fondita kaj aliĝis al SEJM junulara E-klubo. Komence la klubo lokiĝis en la urba komitato de komsomolo, sed en 1977 estis trovita pli konvena ejo - ĉambro en Kulturpalaco de la minejo "Zaperevalnaja". Tie dum 2 - 3.

horoj ĉiudimanĉe kunvenas ĉ. 10 personoj, plejparte gejunuloj. Ili legas E-literaturon, priparolas novaĵojn, lernas la lingvon kaj faras soci-utilan laboron.

La ĉefa direkto de la kluba ekstera agado estas disvastigo kaj propagando de la lingvo. Jam dum 3 jaroj en la regiona biblioteko ekzistas konstanta E-kurso, kiun finis sume kelkaj dekoj da personoj. Pri ĝia laboro raportis la regiona junulara ĵurnalo "Komsomolec Donbassa". Lastatempe aperis ankaŭ du priesperantaj artikoloj en la ĵurnalo de kotonŝtofa kombinumo. Estas uzataj diversaj manieroj de informado pri lingvaj problemoj kaj ilia solvo. Ekzemple, dum periferia seminario de Tutlanda Centro de Tradukado (VCP) estis prezentita informo de N.Starodubcev pri teknikaj E-fakvortaroj (vidu "A"-7, p.82 - La red.). En la Kulturpalaco estis aranĝita E-standeto kun ĉiumonate novigata enhavo. En la loka vendejo de fremdlingva literaturo "Druĵba" ekzistas breteto "Libroj en Esperanto", sur kiu nun staras du lastaj estonaj libroj kaj la medicina frazaro el GDR.

La dua grava direkto estas pacagado. La klubanoj disvastigas eksterlanden materialojn de la E-Komisiono, interalie la lastan deklaron kontraŭ neŭtrona bombo, sendadas artikolojn al "Paco", partoprenas porpacajn aranĝojn en la urbo. Estas starigitaj firmaj kontaktoj kun la regiona Packomitato. La gvidanto de la klubo N.Starodubcev eĉ iĝis gvidanto de tiea junulara sekcio kaj antaŭnelonge pro sia porpaca agado ricevis de Soveta Packomitato honoran ĵetonon kun atestilo. (NI GRATULAS! - La red.)

En la agado de la klubo certe ekzistas malfacilaĵoj kaj mankoj. La plej gravaj estas nesufiĉa lingvoposedo de multaj geklubanoj kaj malalta organiza nivelo de la klubaj kunvenoj. Solvi parte tiujn taskojn kaj entute aktivigi la kluban vivon devus laŭ nia opinio regionaj E-renkontiĝoj. Sed bedaŭrinde en nia regiono tiu demando restas problemo.

Kaj fine kelkaj informoj. Nuna oficiala nomo de la klubo estas: Klubo de internacia amikeco "Esperanto". La adreso de la nova klubejo: Doneck-47, ul. Viŝnegradskaja 26, Dvorec kulturi ŝaĥti "Ẑaperevalnaja" (trolebusoj 11, 12, aŭtobusoj 46, 49). Ni kunvenas ĉiudimanĉe je 15.00 - 18.00.

M.Belogolovskij.

## PRI LVOVA E-KLUBO "PRIMAVERO"

La 18-an de marto 1978 Lvova Esperanto-Klubo (LEK) iĝis 20-jara.

Ĉio komenciĝis de ampleksa E-kurso por 200 personoj, kiun en 1957 ekgvidis Anatolo Aleksandroviĉ Koĥ - esperantisto ekde 1907, delegito kaj dumviva membro de UEA, partopreninto de Universalaj Kongresoj. La kurson, organizitan de la societo pri disvastigo de politikaj kaj sciencaj scioj (nun "Znanije" - La red.), frekventis kelkaj membroj de Lvova Domo de Sciencistoj (LDS), kiuj iam jam lernis Esperanton. Ili, entuziasmigitaj de la renaskiĝo de E-movado en nia lando, decidis organizi ĉe LDS Esperanto-sekcion (ES). La 18-an de marto 1958 okazis organiza kunveno: oni elektis Buroon de ES, decidis organizi E-kurson ĉe ES. Pri la kurso anoncis tipografie presita afiŝo. Membroj de ES (ĉ. 30) kunvenis ĉiusemajne en LDS kaj sub gvido de A.Koĥ studis E-revuojn ("Nuntempan Bulgarion", "Polan Esperantiston" k.a.). ES organizis solenan vesperon dediĉe al la 100-jara jubileo de d-ro Zamenhof. Funkciis ankaŭ junulara E-grupo "Sonorilo".

Animo de nia sekcio estis A.Koĥ - granda entuziasmulo de E-movado, sperta esperantisto. Post lia morto la laboro en ES iom post iom stagnis, kaj centro de lvova E-movado transiris al la bibliote-

ko de fremdlanda literaturo. Tie funkciis E-kursoj sub gvido de I. Vološčak, L.Gonijeva, F.Kurc k.a.

La agado ĉe LDS vigliĝis nur en 1974, kiam estis elektita nova klubestraro. Ekde tiam nia kolektivo nomiĝas: Lvova Esperanto-Klubo "Primavero". Ĝi havas sian Statuton, aprobitan de la scienca fako de la regiona partia komitato kaj konfirmitan de LDS-Konsilantaro.

Laŭ la 1-a punkto de la Statuto ĉefaj celoj de la klubo estas: vasta praktika uzado de la helpa internacia lingvo en amikaj, kulturaj, sciencaj kaj aferaj rilatoj inter homoj de diversaj nacioj; kune kun societoj de amikeco kun eksterlandoj aktive partopreni batalon por paco, amikeco kaj sociala progreso, propagandi progresivajn principojn de nia socialisma reĝimo kaj atingojn de la soveta popolo en la konstruado de komunismo.

En la 2-a punkto de la Statuto estas fiksitaj la taskoj de la klubo. Plenumante ilin, LEK:

- informas loĝantaron pri Esperanto kaj E-movado (prelegoj por neesperantistoj okazis en lvovaj altlernejoj kaj uzinoj; membroj de la klubo elpaŝis per televido; loka radio disaŭdigis intervjuon kun la klubestro; aperis artikoloj de O.Kopistjanskaja, V.Pacjurko, A. Vološina k.a. en loka kaj E-gazetaro);
- regule (ĉiujare dufoje) funkciigas kvarmonatajn E-kursojn - elementan kaj perfektigan; pasintjare V.Pacjurko organizis mezlernejan E-rondeton "Lampiro" en la urbo Pustomiti (Lvova regiono);
- havas konstantajn amikajn kaj aferajn rilatojn kun en- kaj eksterlandaj E-organizaĵoj (Moskvo, Leningrado, Kievo, Ĥarkovo, Vilnius, Riga, Ĥmelnickij, Pecs, Ruse k.a.);
- partoprenas E-tendarojn, kongresojn, konferencojn ktp. (1975 - Helme, 1976 - Ruse, 1977 - Rezekne kaj Poltava);
- esperantigas verkojn de belarta literaturo rusa kaj ukraina (M.Vaŝĉiŝina, V.Pacjurko, O.Muraŝko, A.Vološina k.a.);
- konstante organizas vesperojn, dediĉitajn al gravaj datoj de nia lando kaj E-movado. Krom membroj de LEK la vesperojn partoprenas renomaj artistoj de lvovaj teatro de opero kaj baleto kaj konservatorio, prezentante kantojn kaj romancojn en Esperanto.

Ano de LEK, esperantisto-veterano K.I.Verbickij, aŭtoro de du eldonoj de "Ukraina-Esperanta vortaro", antaŭnelonge transdonis al la klubo novan manuskripton de tiu vortaro, enhavanta 20.800 vortojn.

Bedaŭrinde, praktika uzado de Esperanto estas tre limigita pro manko de vortaroj. Forestas ankaŭ lernolibroj. Ĝis nun ni uzis tiujn de J.Ojalo kaj A.Kerner, sed ili jam estas elĉerpitaj.

Alia manko estas, ke multaj membroj estas indiferentaj al nia kluba laboro. Kelkfoje iuj rifuzis prepari planitan prelegon. Aliaj vizitas la kunvenojn neregule, sidas pasive, ofte krokodilas. Sed ĉiujare nia klubanaro renoviĝas, plijuniĝas, kaj ni esperas ke se ne ni, do almenaŭ niaj posteuloj atingos pli altan nivelon de laboro, sukcesos eldoni lernolibrojn, vortarojn kaj "Antologion de ukraina artliteraturo" esperantlingve.

A.Koroleviĉ, la klubestro.

## RAPORTAS "VERDA AŬRORO"

En la E-klubo "Verda aŭroro" de la urbo Salavat aktivas 15 personoj. Ĉiudimanĉe ni kunvenas en la Kulturpalaco de naftkemiistoj: priparolas E-novaĵojn, kompilas kolektivajn leterojn, studas la lernolibron "Paŝoj al plena posedo", kiun havas ĉiu klubano. Krome ĉiu el ni laŭvice preparas negrandan tradukaĵon pri ajna temo kaj je ajna stilo (rakontoj, fabloj, fabeloj, interesaĵoj, humuro ktp.).

La klubanoj partoprenis en OrSEJT-19, REVU-15 kaj 16, BER-3 kaj

preparis BER-2. Estis du radiofoniaj sciigoj, 16 publikaĵoj en loka gazetaro , anonco en "Bulgara Esperantisto". Estis faritaj prelegoj pri Esperanto en laborlokoj de klubanoj, en komunloĝejoj kaj Kulturpalaco. Por la E-kursoj estis registritaj 50 komencantoj, nun finas ĉ. 15 personoj, kiuj, ni esperas, konsiderinde vigligos la kluban laboron. Ni havas problemon - mankas ebleco por organizi ekspoziciojn. Ĝis nun ni organizis ilin dum la prelegoj kaj vesperoj por neesperantistoj, tamen estas dezirinde organizi ankaŭ migrantajn ekspoziciojn en oficejoj kaj lernejoj, sed nenie estas ŝlosebla] vitrinoj.

Ni provas multobligi lernolibrojn de B.Kolker. La unuaj provaĵoj (50 ekzempleroj) ne estis plej sukcesaj, sed per ili ĉi-jare studis niaj kursanoj. Nun estas entreprenita nova provo. Ni faris du albumojn: pri la renkontiĝo en Permj kaj pri historio de nia klubo. Kelkaj klubanoj havas konstantajn eksterlandajn korespondamikojn. Por 1978 ni abonis 37 revuojn.

G.Lobastova (Salavat).

KIEL DISDIVIDIĜI?

Komenco de la agadjaro estis por ni ne tre fruktodona. La klubon samtempe lasis tri aktivuloj, inter ili la prezidanto A.Kalaŝnikov. La klublaboro iĝis nesufiĉe gvidata kaj pro tio malbone planata. La kunsidoj estis nepripensitaj, iom enuaj, simple babilaj (tamen ne krokodilaj)...

Malgraŭ tio, la klubo agadis. Ĝustatempe ekfunkciis la elementaj kursoj, okazadis prelegoj, estis aranĝita vespero pri la kvarjariĝo de la klubo, konstante aperadis murgazeto. La klubanoj partoprenis en REVU-16. Grava entreprenaĵo estis veturo al la vilaĝo Sorokino, situanta apud la urbo Iŝim. En Sorokino ni renkontiĝis kun tieaj komencantaj esperantistoj. Ilin instruas nia klubanino V. Samojlovskaja, kiu post fino de la Tjumena Universitato laboras tie kiel instruistino. Ŝi organizis kaj gvidas E-klubeton ĉe la loka domo de pioniroj.

Ni aperigis tri artikoletojn pri Esperanto kaj pri la klubo en la regiona ĵurnalo "Tjumenskij komsomolec". En unu el ili ni rakontis pri la vizito al Sorokino, kaj baldaŭ aperis bona reeĥo en sorokina loka ĵurnaleto - sufiĉe granda artikolo pri Esperanto. Estis organizita renkontiĝo kun fervojistoj, kiu pasis interese kaj sukcese, kvankam la partoprenintoj ne estis multnombraj. Sukcesa estis la novjara "Lazura tajgo".

En decembro nin vizitis direktoro de muzeo en la urbo Niĵnevartovsk - esperantisto de la 30-aj jaroj. Kvankam li jam tute forgesis la lingvon, li aranĝis en sia muzeo E-anguleton helpe de materialoj senditaj far ni. Lia tre interesa rakonto pri la E-movado en la 30-aj jaroj estas surbendigita.

Komence de februaro estis reelektita la klubestraro. La prezidanto iĝis V.Zaĥarov, la SEJM-reprezentanto - V.Izosimov. Ĝenerale miraklo post tio ne okazis, tamen la klubagado pliviĝliĝis, ĉar la nova estraro pli bone organizis la kluban laboron.

Sukcesis unu grava afero: okaze de la 60-jariĝo de la Soveta Armeo ni dum solena klubkunsido subskribis proteston kontraŭ la neŭtrona bombo. La protesto estis sendita al la Soveta Packomitato. Subskribis ĝin entute ĉirkaŭ 40 personoj, inkluzive kurslernantojn. Iom poste "Tjumenskij komsomolec" aperigis nian artikolon pri tiu fakto. Estas bona kontakto kun Tjumena Packomitato. La estrino de la Packomitato ĉeestis la kluban kunvenon kaj rakontis pri ties agado. Rezultoj de la renkontiĝo estas atendataj. Ni prelegis en Tjumena maŝinkonstrua faklernejo, aranĝis renkontiĝon kun anoj de

Urba Junulara Milit-Patriota Klubo je la nomo de Dzerĵinskij. Tie estas bonega kaj multnombra junulara klubo, ni planas kun ĝi plu kontakti.

Antaŭnelonge 20 niaj komencantoj finis la elementan kurson kaj plenumis ekzamenon. Tamen pasintjare ni havis 40 kursfinintojn, do regreso estas evidenta. La kaŭzo estas, ke ni ne havis ĉi-jare spertajn instruistojn (krom unu) kaj pro tio timis inviti tro multe da homoj al la E-kursoj.

Perspektivoj por nia estonto estas bonaj: venontan agadjaron certe restos en la klubo iom da kursfinintoj, kaj nur unu homo el la aktivularo forveturos.

Ankoraŭ unu aferon necesas mencii. Ni legis en "Aktuale" la artikolon "Gvidi necesas lerni" kaj provis sekvi tiean konsilon - disgrupigi la klubon. La afero ne sukcesis, kvankam tio estus por ni tre utila. La disdivido restis nur sur papero. Ĉu eble iu havas sperton pri ties praktika realigo?

V.Izosimov (Tjumenj).

## "MAGNETO" ALTIRAS AL ESPERANTUJO

En septembro pro diversaj kaŭzoj mi restis sola esperantisto en nia urbo. Komprenante, ke necesas organizi novan grupon de komencantoj, mi sen speciala anonco kolektis 10 homojn inter miaj saminstitutanoj, kiuj delonge interesiĝis pri Esperanto. Tiamaniere naskiĝis nia studenta E-klubo "Magneto".

Mi kun granda intereso legis artikolon de R.Grinŝpan "Por pli facile varbi kaj preventi disfuĝon" en "A"-6(39) kaj tuj komprenis eraron de nia eksprezidanto Maŝkin G., kiu tre malmulte prizorgis internaciajn rilatojn por komencantoj. Laŭ mi korespondado estas ĉefa stimulo, kiu kiel magneto altiras komencantojn al Esperantujo, pro tio mi ĝustatempe prizorgis adresojn de eksterlandaj esperantistoj. Tre helpis al mi Neilande S., kaj mi volas danki ŝin pro tio. Mi malofte uzas personajn adresojn, kiuj aperas en diversaj revuoj, kaj kutime skribas laŭ kluba adreso, ĉar de tie respondo preskaŭ ĉiam estas certa. Mi petas sendi al mi adresojn de esperantistoj, kiuj deziras korespondi kun miaj samklubanoj, kaj baldaŭ ricevas la adresojn. Por kontakti kun eksterlandaj esperantistoj necesas uzi ĉiujn eblajn metodojn, inkluzive adresojn de revuoj, korespondajn servojn, klubajn adresojn eĉ pasintjarajn kaj ankaŭ vojaĝojn de neesperantistaj konatoj eksterlanden.

Mi penas uzi ŝatokupojn de la klubanoj por ilin plene esperantigi. Ekzemple, mi rimarkis ke 3 klubanoj interesiĝas pri ŝakludo, kaj por ili estis prizorgita partopreno en EŜLI-turniro. Tio estas por ni agrabla duoble, ĉar unue ili partoprenas turniron de monda skalo, due - novaj interesaj konatiĝoj laŭ intereso.

Mi estis tre feliĉa, kiam klubano unuafoje ricevis leteron el eksterlando kaj kun ardaj okuloj ektradukis ĝin. Kiu scias, eble ŝi tiu estas unu el plej feliĉaj tagoj en lia vivo. Nun ĉiuj klubanoj havas interesajn kaj fruktodonajn kontaktojn kun multaj eksterlandaj esperantistoj. La klubo havas bonajn ligojn kun studentaj grupoj el Jugoslavio, Hungario, Bulgario, Pollando. Tre interesa estas kunlaboro kun E-klubo el Ŝverin, GDR. Nun ni kune ellaboras planon de socialisma konkurado inter niaj kluboj. Eblas kontaktoj inter institutoj. Eksterlandaj esperantistoj konstante subtenas nin. Laŭ nia propono ili skribis al la urba komitato de VLKSM, redakcio de la urba ĵurnalo, Palaco de metalurgiistoj (tie estas la klubejo) kun peto subteni nian klubon. Tio donis fruktojn: en la urba ĵurnalo aperis granda artikolo pri Esperanto, pri laboro de nia klubo; en la Palaco ni ricevis aldonan ejon por planita nova grupo de komencantoj.

Kelkvorte pri la klubanoj. Nia klubo estas tre juna, la plej aĝa inter ni havas 22 jarojn. Inter la klubanoj estas bona pentristo (li dekoras murgazetojn, sloganojn lige kun festoj), fotisto, gitaristo, pianistino (en la klubejo estas piano), do ĉiuj bezonataj homoj por en- kaj eksterkluba laboro. Mi esperas, ke baldaŭ nia klubo fortiĝos kaj eliros el pasivaj kluboj de SEJM. Aperis ebleco organizi ankoraŭ unu grupon de komencantoj, kaj mi havas demandon al legantoj de "Aktuale": ĉu prefere fondi novan studentan E-grupon (ĝiaj anoj havas proksimume egalan lingvonivelon, kio faciligas la instruadon) aŭ altiri ĉiujn dezirantojn lerni Esperanton?

S.Pavlenko, prezidanto de studenta E-klubo (Magnitogorsk).

EN LA ĈEFURBO DE KAZAĤIO

Komence de januaro en E-movado de Kazaĥio okazis grava evento. Nin finfine rimarkis supera estraro en la respublika Societo de Amikeco kun Eksterlando kaj oficialigis nian agadon. Estis oficiale kreita Sekcio de Esperantistoj ĉe la Societo. Iom pri la prahistorio de tiu ĉi solena evento.

La aŭtoro de ĉi-tiuj linioj relative sukcese dum kelkaj jaroj agis sur E-kampo en sia modesta urbeto Talgar. Poste la ambicio puŝis lin disvastigi sian aktivecon al la ĉefurbo de la vasta Kazaĥio - Alma-Ata. Eluzinte eblon li organizis E-rondeton en la respublika konservatorio. La semoj trovis fekundan grundon. Aktive ekhelpis geaktivuloj - N.Stolpivskaja kaj S.Kim, kaj al nia rondeto aliĝis gestudentoj el diversaj altlernejoj de Alma-Ata. Kaj ne nur studentaro - ekbruliĝis ankaŭ kelkaj "solidaj" homoj: inĝenieroj, komponistoj, kuracistoj. Okazis renkontiĝoj, estis kreita eĉ klubo, kiu intencas baldaŭ aliĝi al SEJM - sur stratoj de la suna Alma-Ata eksonis E-parolado. En la gazetaro aperis pluraj poresperantaj artikoloj.

Finfine sindeteno de oficialaj instancoj estis rompita. Gravan rolon en la batalo por oficialiĝo ludis nova, juna kaj tre aktiva esperantistino el Talgar R.Ajtpajeva.

...Do. Pompa halo en Domo de Amikeco. Partoprenas plenkunsidon ne nur estraro de Societo de Amikeco, sed ankaŭ anoj de CK de Kazaĥia KP, de la respublika Konsilantaro de Ministroj k.a. Estis invititaj ankaŭ du esperantistoj: R.Ajtpajeva kaj Kopylenko M.M. - eminenta lingvisto, estro de katedro en instituto de fremdaj lingvoj. Post diskuto, dum kiu Esperanton bone kaj sukcese defendis prof. Kopylenko, la grava por ni decido estis akceptita sur plej alta nivelo - ni oficialiĝis.

Kiel bone estus, se mi povus tie ĉi starigi punkton, por ke nia esperantistaro kunĝoju, ĉar nian ĝojon kapablus priskribi eble nur Majakovskij aŭ Puŝkin. La ĝojo ne malhelpis al ni ekagi. Tuj kolektiĝis nia E-Sekcio, ni kreis detalan laborplanon, distribuis devojn al ĉiu sekciano. Ĉion enhavis nia plano - tie estis edukado de instruistaro en la respubliko, kreo de abundaj rondetoj en diversaj urboj, eldono de kantaroj, lernolibroj, de antologio, renkontiĝoj kaj vojaĝoj eksterlanden, unuigo de E-agado en la respubliko, televidaj kaj radiaj elsendoj ktp. Sed...

Kiam ni post kelkaj tagoj ĝoje vizitis la Societon, oni rigardis nin ne tro varme kaj donacis "valorajn konsilojn": sciigu neniun pri kreo de E-sekcio; adreson de Domo de Amikeco donu al neniu; E-rondeton ĉe Domo de Amikeco ne organizu; konsiston de E-sekcio ne plivastigu; la sekcio kolektiĝu nur 3 - 4 fojojn dum jaro, ktp. Sed tia refreŝiga duŝo ne malkuraĝigis nin, kaj post ioma diskuto ion ni atingis. Oni acidmiene konsentis, ke ni sciigu pri kreo de la

Sekcio al E-kluboj kaj E-asocioj de socialismaj landoj. Ni ricevis kelkajn nebulajn promesojn, ke en sekvontaj jaroj io en Esperanto estos eldonata. Sed ĝenerale estis emfaza konsilo: "Troa aktiveco pli malbonas ol malaktiveco!". Oni donis al ni kuratoron, kiu Esperanton ne scias.

Nu, ne gravas, karaj geamikoj! Optimismon ni ne perdu! Ĉiuokaze nun ekzistas oficiala instanco, kiun ni povas mencii. Se ĝi iom helpos - gloro kaj beno al ĝi! Ni sendu al ĝi gratulojn, uzu ĝin laŭeble, tamen ni esperu je propraj fortoj kaj kredu, ke venos verda printempo!

G.Garcikov (Talgar).

## KELKAJ PENSOJ PRI E-AGADO INTER STUDENTOJ

1. Universitato en ĉiuj tempoj estis konsiderata unu el la plej kulturaj centroj de la urbo kaj regiono, tial E-agado tie estas tre grava.

2. En la altlernejoj estas tre oportuna formo por instruado de Esperanto sur oficiala nivelo en FOP (fakultato de sociaj profesioj).

3. En Sovetio en iuj universitatoj oni instruas Esperanton kaj ekzistas E-kluboj. Sed ili ne kontaktas specife inter si.

4. Kiam esperantistoj volas komenci E-agadon en universitato, ili ofte renkontas demandon: sed ĉu en aliaj universitatoj estas instruata Esperanto? Sekve SEJM devas havi liston, ĉiujare novigatan kaj publikigatan en "A", de universitatoj, kie ekzistas E-vivo.

5. SEJM evidente devas havi studentan fakon, ĉar ekzistas aro da specifaj problemoj pri kiuj povas kunlabori studentaj E-grupoj. En la fako eblus havi subfakojn de universitataj E-grupoj, politeknikaj ktp.

6. En la superaj lernejoj estas plej oportune kaj plej necese prezenti bone argumentitajn prelegojn pri Esperanto. Ĉiu homo kun supera klero devas havi klaran bildon pri Esperanto kaj ĝia rolo.

7. Estas pli facile publikigi E-materialojn en ĵurnaloj de superaj lernejoj.

8. Murgazetoj de superaj lernejoj estas pli oper[illegible]vaj kaj pli legat[illegible]j ol en iu ajn entreprenejo. Esperantistoj dev[illegible] tion uzi.

9. Dise en iuj institutoj enkadre de studentaj [illegible]ncaj konfere[illegible]coj oni elpaŝas pri E-temoj. Venis tempo organiz[illegible]zemple interlingvistikan konferencon tutsovetian kun invito d[illegible]tudentoj-prelegontoj el aliaj urboj. Tio ankaŭ ne eblas sen [illegible]iala studenta fako.

A.Gonĉarov (Barnaul).

## MALUTILA AGADO

En "Aktuale" №( estis bona artikolo de A.Ŝarkovskij "Ĉu skribi, ĉu ne skribi?". Por V.V.Grigorenko el Poltava tiu problemo ne ekzistas. Li fervore skribas, pli ĝuste - tajpas. Mi supozas, ke Grigorenko havas du tajpilojn - kun rusa kaj latina alfabetoj, sed evidente ambaŭ tajpiloj estas "analfabetaj". Do, ŝajnas al mi, li atentu tion.

V.V.Grigorenko tajpas ruslingve leteron (pli ĝuste - artikolon) kaj, multobliginte ĝin, dissendas la kopiojn al redakcioj de diversaj ĵurnaloj, gazetoj ktp. Ne kontentiĝinte pri tio, li sendas samajn kopiojn al aliurbaj esperantistoj, por ke ili ripetu laboron de Grigorenko en sia regiono. Li skribas: "... mi ja ne scias iliajn ( de la redakcioj - M.M.) adresojn". Mi opinias: bone, ke

li ne scias tiujn adresojn...

Dum kunsido de Kieva E-klubo ni laŭtlegis la menciitan leteron. Grigorenko V.V. tuŝis interesan temon, sed:

- Abundas eraroj - gramatikaj kaj stilaj.
- Estas uzitaj ( krom ceteraj) tre malnovaj (antaŭmilitaj kaj eĉ pli fruaj) fontoj. Ne multaj tion konsideras (krom esperantistoj - preskaŭ neniu).
- Kiel mi jam menciis, Grigorenko sendas multobligitajn kopiojn. Sed la redaktoroj ne ŝatas publikigi tion, kio povas aperi aŭ jam eble aperis en alia gazeto. Kompreneble, ili bezonas originalan materialon.

Mi konkludas. Skribante al oficialaj instancoj, ni ĉiam devas memori, ke ni estas ne nur individuoj. Malantaŭ ĉiu el ni staras la tuta movado. Kaj laŭ unu homo oni iam juĝas pri la esperantistaro ĝenerale. Laŭ mia opinio, la "kampanjo" de Grigorenko estas ne por, sed kontraŭ Esperanto. Ni konsideru tion.

M.Mamedov (Kievo).

## STUDENTA ESPERANTO-MOVADO EN POLLANDO

Partoprenantoj. Partopreni la movadon povas ĉiuj studentoj, kiuj interesiĝas pri problemoj de la internacia lingva komunikado, sendepende de ilia kono de Esperanto. Bonvenaj estas ankaŭ mezlernejanoj kaj iamaj studentoj, kiuj pretas aktivi en la movado.

Principoj. La movado baziĝas sur la principo, ke la lingvo Esperanto povas esti unu el taŭgaj rimedoj en la internacia lingva komunikado. Ĝia uzo estas bone bazita nur en la kazo de komunikado inter diverslingvanoj kaj por praktikaj ekstermovadaj celoj. La lingvo plej bone efikas, se ĝi estas rekonata far diversaj organizaĵoj, kiel ebla komunikilo utila por ili.

Interna strukturo. La interna strukturo plene konformas al tiu de la ĝenerala pola studenta movado. La bazaj unuoj estas la E-rondoj ĉe pli grandaj polaj altlernejoj (ĉirkaŭ 30 rondoj). En la landa skalo funkcias Pola Studenta Esperanto-Komitato, konsistanta el prezidantoj de la unuopaj rondoj kaj havanta sian kelkpersonan Prezidiumon.

Situiĝo en la junulara movado. Sur ĉiuj siaj strukturaj niveloj la movado ne agas izolite. Ĝi havas konstantajn ligojn kun alitipaj studentaj aktivadoj, precipe kun la sciencaj studentaj rondoj, kulturaj kluboj kaj rondoj de UN-amikoj. La rondoj kaj Pola Studenta Esperanto-Komitato, same kiel ĉiuj aliaj studentaj kluboj, rondoj, komitatoj, troviĝas en la Socialisma Asocio de Polaj Studentoj, kiu estas la tegmenta studenta organizaĵo en Pollando, okupiĝanta pri diversaj problemoj de la studentaro. Tio kaŭzas, ke pri la laboro de la studenta E-movado sur ĉiuj niveloj respondecas la respektivaj SAPS-instancoj ( pri la rondoj - la altlernejaj konsilantaroj, pri la Komitato - la ĉefestraro). Tio siaflanke signifas, ke la instancoj mem zorgas pri disvolviĝo de la movado. Aliflanke la instancoj de la Studenta E-Movado plenumas peresperantan internacian kontaktadon de SAPS.

Agaddirektoj: scienca okupiĝo pri problemoj de la internacia lingva komunikado; lingvistika pristudo de Esperanto, de la metodiko instrui la lingvon, de sociaj kaj pedagogiaj problemoj ligitaj kun Esperanto, populariĝo de la analizataj problemoj inter la studentaro; aranĝado de internaciaj grupinterŝanĝoj kaj precipe la profesiaj praktikuloj baze de Esperanto; organizo de studentaj E-seminarioj, laborbrigadoj k.s. Speciala agadprogramo estas efektivigata lige kun la Festivalo en Havano.

Adreso: PSEK/SAPS, ul. Fredry 7 ZW SZSP PL-60-701 POZNAN, Poll.

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO

LA REDAKCIO RICEVIS

- la bultenon "Scienco sen limoj" N-1(14). En la enhavo: enkonduka artikolo de A.Gonĉarov, sciigo pri Scienc-Teknika Informilo komuna por socialismaj landoj, informo pri agado de Terminara Centro (la sama estis en "A"-5, p.56-57), resumo pri sovetaj sciencaj artikoloj en E-gazetaro, enhavo de "Sciencaj Komunikaĵoj"-1977, anoncoj.
- la almanakon "Amikeco", kajero 27. En ĝi troveblas: artikoloj de A.Vaitilaviĉius pri propraj nomoj (daŭrigo) kaj de L.Jevsejeva pri historio de E-movado en Latvio, tradukoj el V.Korotiĉ, H.Dorbe, I. Ziedonis, E.Plukŝa, B.Vilimaite, A.Tammsaare, E.Dolmatovskij, P.Broŭka,E.Püvi, krimea legendo, naturamikaj skizoj, originalaj versaĵoj de A.Kubulnieks kaj P.Aitai, originala rakonto de V.Glazunov.

KONTAKTU KUN SOCIETOJ DE AMIKECO!

Rostovaj E-istoj vizitis la urban filion de la Societo "USSR - Bulgario" kaj demandis, kiel membriĝi al tiu societo. Oni respondis ke necesas protokolo de ĝenerala kunveno kun decido peti pri la aliĝo. Tia skriba peto sufiĉas por aliĝi kaj kunlabori. Konsideru tion.

ESPERANTO-KLUBO DE UFA REMEMORIGAS

pri delonga elĉerpiĝo de la lernolibro de B.Kolker kaj pri fermo de akcepto al la koresponda kurso.

ŜANĜO EN LA KALENDARO DE RENKONTIĜOJ

La seminario de ukrainaj E-aktivuloj en Kievo estis transmetita al la 7-a - 9-a de majo.

E-LIBROJ EN LA ELDONEJO "PROGRESS"

estos eldonataj, se ni ĉiuj kontribuos al tio. Necesas instigi la eksterlandajn korespondamikojn skribi al la eldonejo, petante eldoni en Esperanto belartan, scienc-popularan, soci-politikan, turisman kaj alian literaturon. La adreso: Moskvo, Zubovskij bulvar 21.

OMAĜE AL LA SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO

Donecka E-klubo organizis solenan kunsidon de la geklubanoj, preparis specialan standon en Kulturpalaco, dissendis gratulkartojn al GDR, Bulgario, Hindio kaj al pluraj E-kluboj en USSR.

...SED LA KONFERENCO?

Dume la eblecoj organizi ĝin en Moskvo aŭ proksime al la ĉefurbo estas serĉataj. Sed la transmeto de OrSEJT-tempo ebligas al la partoprenontoj de UK viziti post la Kongreso ankaŭ Altajon, se la Konferenco tamen okazos tie. La demando estas esplorata en la Komitato de SEJM. Definitiva informo pri la loko kaj tempo de la 12-a SEJM-Konferenco aperos baldaŭ en "Aktuale" aŭ "Kurte".

EN LA SEKVA NUMERO

- Belarta fako antaŭenmarŝas (M.Bronŝtejn)
- Pri vojaĝoj-renkontiĝoj (A.Ivasenko)
- materialoj pri ĝemelurba kunlaboro (Ĥarkov, Lvov)
- responde de A.Kogan al la artikolo "Ĉu en la klubo aŭ en SEJM?"

---

La informilo estas uzenda nur enlande! Fintajpita 20.5.78.
Ĉiujn materialojn por "Aktuale" sendu laŭ la adreso de la redaktoro: 121019 Moskvo G-19 do vostrebovanija Aroloviĉu Viktoru Semjonoviĉu.